# Aŭstraliaj Esperantistoj

Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj — Nia Espero Nia Forto

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 1/02/2012 Dudeknaŭa Eldono 2012 01/02/2012 SENDITA


Tiu ĉi letero havas "hiperligiloj" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

La Informa kaj noma paĝoj nur aperos je la dekaj kaj dekkvinaj eldonoj

## AEA-KONGRESO EN BRISBANO

Estos granda ĝojo refoje kongresi en Brisbano ĉi-jare (de vendredo 28 septembro ĝis lundo 1 oktobro), ĉar unu el la ĉef-organizantoj estas Kay Andersen. Kiam mi esperantistiĝis dum la 1980aj jaroj, mi vizitis la E-klubojn de ĉiu aŭstralia ĉefurbo, kaj konstatis, ke kvankam ĉiu urbego havis almenaŭ unu tre aktivan klubon, vere elstaris tamen tiu de Brisbano; ĉar dum tiuj jaroj, la brisbananoj luis por siaj kunsidoj tri ĉambrojn en komunum-centro ĉe Woolloongabba apud la centro urbega.
Dum la unua duono de ĉiu klub-vespero, la partoprenantaro dividiĝis en tri laŭspertajn grupojn. Ĉiuj tri grupoj (eĉ tiu de la instruataj komencantoj) kuniĝis por te-paŭzo kaj la dua duono de la vespero, partoprenante diversajn aktivojn - inkluzive de grup-kantado kaj prezentajoj de teatraĵetoj.

Kay Andersen kaj Gaye Phillips jam komencis kolekti kaj traduki kanzonojn kaj kantigis la esperantistojn. Sendube vi jam konas la kant-libron de Kay kaj Gaye, *Aŭstralio kantas sian historion* - kiun oni ofte uzatis ankaŭ en la landaj jar-kongresoj kaj somerkursaroj. Kay estis profesia instruistino pri muziko, kaj ĝojigis la kongres- kaj kurs-anarojn ne nur per brisbananaj kant-prezentaĵoj, sed ankaŭ per akompanado de komuna kantado de ĉiuj.

Ŝi plurfoje estis unu el la ĉef-organizantoj de kvinslandaj kaj tutlandaj aranĝoj, kaj ni povas fidi je ŝiaj kapabloj. Ŝi scias kiel bonaj E-aranĝoj estas organizataj. Ŝia grupo jam elektis bonan lokon por la ĉi-jara AEA-kongresejo. Hotel George Williams situas tre proksime al Roma Street Transit Centre (rekte atingebla per trajno de la flughavena trajnstacidomo), al apudaj aŭtomobil-restigejoj, al interurbegaj finhaltejoj en Roma Street Transit Centre, kaj al kelkaj dorssakulejoj. Ne timu, do, pri enurbaj transport-aŭ loĝ-kostoj.

Sendube, post-kongresaj ekskursoj haveblos, kaj en la urbocentro mem, oni povos facile piediri ĝis Queen St Mall (kaj ties subtera antaŭurba bus-finhaltejo), al Roma Street Park, al Brisbane Botanic Gardens, aŭ oni povos pramboati sur la rivero.

Ĝis feliĉa kaj efika AEA-kongreso en Brisbano en septempro!

Max Wearing mwearing@internode.on.net




Mapo montras la pozicion de George-William Hotelo



Milionoj da araneoj grimpis arbojn en Sindh Pakistan eskapante la daŭrantan inundon. Tie ili konstruis araneaĵojn. La popolo kaj araneoj ĝojis ĉar la arboj kaptis multmilionojn da moskitoj
Roger Springer rspring@tpg.com.au

Panorame, novaĵoj en Esperanto el Ĉinio eblas aŭskulti ĉe Esperanto ĉinio
Nicole Else nicole@cryogenic.net

# Ne postulu ĝis perfekton.

**Skribu, Parolu. Ni benzonas viajn leterojn**

Kiam vi trovas lingvajn erarojn ĉe la novaĵleteroj Skribu por ke ĉiuj.lernu iom kaj pli bonigas sian esperantan povon.

Memoru, ke el du la du, la Vento kaj la Suno, la Suno estas la pli forta, ne la plej forta.

Kaj provu rigardi en PIV la signifon de Santalo !

Plej amike,
Bob Felby esperantobob@bigpond.com;

Estonte mi ne sendos du retmesaĝoj al la saman retadreson. Mi ordigis la nomliston iom ebligi ke tion ne okazu sen tro da laboro.
Antaŭe ĝi helpis min construu la liston da nomoj por la "Aŭstraliaj Esperantistoj" Sed nun mi estas pli sperta kaj trovas alian metodon faru la nomojn por "AE"n

## La mondo estas tre malgranda

## 武汉, Wuhan City Ĉinio 中国

## Vizito el Ĉilio

Lundo, 16 de Januaro, la Esperanto Federacio de Viktorio ĝuis la honoron bonvenigi Jose kaj Gladys Vergara el Ĉilio en Ross House. Dum la ĉestantaro (30) vespermanĝis, Jose kaj la ĉarma Gladys distris nin per siaj spertoj kaj en Ĉilio kaj aliaj partoj de la mondo. Post ol bona vespermanĝo Jose prelegis pri siaj profundaj pensoj kaj pri Homaranismo kaj pri la bezono por internacia helplingvo en la fako de scienco. Jose informis nin ke antaŭ cent jaroj estis kelkaj gravaj lingvoj en la scienca fako kiaj la Germana kaj la Franca, sed jam nun hodiaŭ, la Angla lingvo ĝuas eksterodinaran potencon en la scienca fako.
Ivan Heldzingen ivan@melburno.org.au

## EFV Jarkunveno

La jara kunveno de la Esperanto Federacio de Viktorio (EFV) okazis je lundo, 16an de Januaro je la oka horo de la vespero en Ross House, Melburno. Reelektitaj estis John Adams prezidanto kaj Elrae Adams kiel vicprezidanto. La EFV volas stimuli la movadon en la jubilea jaro, nia 125a, per vojaĝo al regiona centro – eble al Ballarat.
Heather Heldzingen heather@melburno.org.au




Mapo montras la pozicion de Ross House

Jen junulo parolas kun entuziasmo pri Esperanto (en la angla lingvo)
http://www.youtube.com/watch?v=nyh0Y-JlKVQ
Amike Nicole Else nicole@cryogenic.net